# HAMBURG Esperanto



1/1995

Februaro/Marto

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.


## Invito al la Jarĉefkunveno 1995 de Hamburga Esperanto-Societo r.a.

Ĵaŭdon, la 23an de Februaro 1995 je la 20a horo en la Esperanto-Domo

**Tagordo:**
1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Senŝarĝigo
6. Buĝeto kaj kotizoj
7. Diskuto kaj decido pri proponoj
8. Diversaĵoj

Atentu!

Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 13a de Februaro 1995.

**En tiu ĉi numero:**


**Naskiĝ-jubileoj de klubanoj: p. 3 / p. 6**

**Enigmo, ne tiom malfacila: p. 4**

**Seminarioj por kursgvidantoj: p. 7**

**Nordgermana Esperanto-Konferenco: p. 8**

## Enhavo

El la redakcio ............................ 2
El nia klubo ............................ 3
Nia terura enigmo ...................... 4
Nia programo ............................ 5
El nia klubo ............................ 6
Seminarioj ............................ 7
Germana Esperanto-Asocio .......... 8

**Ne forgesu pagi vian kotizon por 1995!**

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31,*
*D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 2/1995:**
**11 - 3 - 95**

## Sentenco

**Tiu, kiu serĉas la veron, riskas trovi ĝin.**

*Manuel Vicent*
Hispana verkisto

## Kursoj en Hamburg

**Por komencantoj:**

***Lunde, 19⁰⁰ h,*** ekde 14.01.
Gvidanto: *Frank Merla*
Libro: *Gerda malaperis*

***Marde, 15³⁰ h,*** ekde 21.02.
Gvidantino: *Irmgard Karst*
Libro: *Kunvojaĝu*

**Komenc. kun antaŭscioj:**

***Marde, 17³⁰ h,*** ekde 21.02.
Gvidanto: *d-ro Bodo Schneider*
Libro: *Junul-Kurso* (L. 11–20)

**Por progresintoj:**

***Marde, 17³⁰ h,*** ekde 21.02.
Gvidantino: *Irmgard Karst*
Libro: *Vojaĝo en Esp.-Lando*

**La kursoj konsistas el 10 kunvenoj po 90 minutoj.**

**Kotizoj Kat. A: *DM 80,–***
**Kat. B: *DM 50,–***

La libroj estas aĉeteblaj ĉe la kurs-gvidantoj.

**Semajnfina kurso por progresintoj:**
Ekde 14.01.95, 8 Sabatoj po 120 minutoj, 15 – 17 *h*
Gvidanto: *Jürgen* Wulff
Libro: *Tesi, la testudo*

**Seminarioj vd. paĝon 7**

# Zamenhoffesto '94

**Hamburg (ehh). La 10an de Decembro okazis la tradicia Zamenhoffesto de Hamburga Esperanto-Societo en la Esperanto-Domo.**



Kiel dum la pasintaj jaroj, ankaŭ en 1994 la Zamenhoffesto ofertis grandan menuon kaj diversajn prelegetojn. *Hella Lanka* legis nekonatajn tekstojn de Zamenhof, *Jürgen Wulf* prezentis citaĵojn de diversaj aŭtoroj kaj *Elsbeth Bormann* prelegis okaze de la tago de Homaj Rajtoj pri Homaranismo kaj Homaj Rajtoj. Poste Volker Kraeft ludis pianon por komuna kantado de Kristnaskaj kaj aliaj kantoj.



↑ La aktivuloj de la kuirejo, Volker Kraeft, Patric Fichte, Elsbeth Wielgus, Benno Klehr kaj Gerd Tigges – post la farita laboro.

← Elsbeth Wielgus kun 65 ruĝaj rozoj okaze de ŝia 65a naskiĝdatreveno.

Kelkaj gastoj plurfoje → petis plian aldonon de la bongusta menuo.

Bedaŭrinde mankas sur la fotoj la servantoj *Hannelore Brunow* kaj *Burkhard Mohrig.*



# Jupp Kühnel 85jara

**La 27an de Februaro 1995 Josef (Jupp) Kühnel fariĝos 85jara. Hamburga Esperanto-Societo kore gratulas!**

Jen kelkaj datoj el la vivo de *Jupp Kühnel*: Li naskiĝis en 1910 en Vieno, kie li en aĝo de 17 jaroj kontaktis kun Esperanto. Jam du jarojn poste li aktivis kiel Esperanta ĉiĉerono en la Aŭstra ĉefurbo. En 1938 li translokiĝis al Hamburg, kie li en 1941 edziĝis. Lia edzino *Hertha* inter 1943 kaj 1947 naskis tri infanojn, el kiuj la plej juna filo Peter ankoraŭ estas aktiva Esperantisto en Berlin. Post la milito Jupp Kühnel reaktiviĝis en la laboro de SAT kaj en Hamburga Esperanto-Societo. Li instruis per korespondaj kursoj kaj multe tradukis el la Germana lingvo. Hodiaŭ li nur malofte povas partopreni en klubaj aranĝoj.

*Laŭ intervjuo de Hella Lanka*

# NIA TERURA ENIGMO 

Tiu ĉi enigmo **ne** estas laŭ la kutima stilo. Necesas asociado pri la klarigoj. Se mankas la finaĵo, tio estas indikita. Kelkfoje la klarigoj estas terure erarigaj. Tamen ĉiuj vortoj troviĝas en P.I.V.

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | | | | | 14 | | | 15 | | |
| 16 | | | | | | | | | 17 | | |
| 18 | 19 | | | | 20 | 21 | | | | | |
| 22 | | | | | 23 | | 24 | | | | 25 |
| 26 | 27 | | 28 | | 29 | | | | | | |
| 30 | | 31 | | | | 32 | 33 | | 34 | 35 | 36 |
| 37 | | 38 | | | | | | 39 | | 40 | |
| 41 | | | 42 | 43 | | 44 | | 45 | 46 | | |
| 47 | | | | 48 | | | | | | | |

**Horizontale: 1.** Granda lago en alteco de 3812 m. **9.** Itala nomo de Pola Vojtilo. **13.** Okup' de pedagogo. **14.** Land' inter Ako kaj Akabo. **16.** Moderna planko ĉe najbaroj de Asteriks. **17.** Tia dento kaŝiĝas sub ĵaketo. **18.** Pli mallonge ol ILo. **19.** Kristala kristalin', vitra aŭ plasta. **20.** Haŭt' de ranoviro. **22.** Kampara domo – ne de kamparano. **23.** En tia form' ĝojo venas el Elizeo. **24.** Greka zigzago. **25.** Mallonge, sed ne plu de Mozo al Nemano kaj **26.** hodiaŭ ĉe Adigo. **27.** Mirakla virin', plaĉa destin'. **29.** Ĝia ujo famas pro kaŝebla pafilo. **30.** Sekvo de konsumo de eŭforbia oleo. **32.** Ĝi montras manieron en tabelo. **35.** Mallonge inter Malkara kaj Kalkano. **37.** Far' de iu faranta faron. **38.** Tia person' estis Penelopa al Telemako. **39.** Tia estas nababo. **41.** Anstataŭ 100 jarojn ĝia ekzist' daŭris nur 28. **42.** Atestant' leĝe rajtigita. **46.** Form' de Argono, Ksenono kaj Kriptono. **47.** Irad' de ĉevalo. **48.** Longa ĉambro, sed ne salono.

**Vertikale: 1.** Tia estas radio kun bildoj. **2.** Ho vagul', zorgojn ne konas vi – sed ĉiutage tion! **3.** Tiel oni povas vojaĝi nur al Francio kaj Britio. **4.** Tia estas bildo en Bazila Baziliko. **5.** Malgranda Nenio por ĉiu tag'. **6.** Araba haveno en homa korpo. **7.** Unua tabela demando. **8.** Difuzo tra membrano. **9.** Il' por movi. **10.** Mallonga land' de Pajla Rumo. **11.** Person', kiu ĵus perdiĝas. **12.** Fiŝo en Lamalando se ne en Tibeto. **15.** De la koro al la korpo. **21.** Profesie eligi paperon. **27.** Ekstera form' de estaĵo. **28.** Senfina promenulo. **29.** Laŭ Johano ĝi estis en la komenco. **31.** Plej ŝatata manĝaĵo de Obeliks. **33.** Fama Latina mallongigo je Pasko.



Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: ekde 15:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. ab 15:30.

## FEBRUARO

**2** Harald Schicke: **La homa korpo** – funkcio de organoj

**3** **Haringoj Salitaj**

**9** *Werner Bormann:* **Umberto Eco kaj Esperanto**

**11** *(Studrondo ne okazas)*

**16** *Elsbeth Bpormann:* **Eŭropa agado**

**23** **Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo**

**25-26** **Seminario por kursgvidantoj** temo: **literaturo** gvidas: *Harld Schicke*

## MARTO

**2** *Frank Merla:* **Lingva Kvizo**

**9** *Werner Bormann:* **Turismo per Esperanto**

**11** *Studrondo* (+EK)

**16** *Frank Merla:* **Literaturo**

**17-19** **Renkontiĝo en Rostock**

**23** **Klubaj Aferoj**

**25-25** **Seminario por kursgvidantoj** temo: **metodiko** gv: Vesna St.-Burchards

**30** *Benno Klehr:* ***Lingvaj Ludoj***

**(daŭrigo de enigmo)**

**34.** Plej laste tio ĉe Nogelo. **36.** Inter tribo kaj specio. **40.** Tial ke pro tio. **41.** Mallonga altaĵo. **43.** Tute en ordo, tiu plej malgranda kubo. **44.** Grup' en kampa areo. **45.** Afer' de Beaufront en 1907. =

**Se vi volas manĝi en la klubejo, ni petas vin veni sufiĉe frue!**

# Interesa ankaŭ por komencantoj!

**Hamburg (ehh). La Kabareda Grupo de Hamburga Esperanto-Societo, *Haringoj Salitaj*, denove ellaboras programon kun skeĉoj kaj kantoj.**




Estas ankoraŭ malgranda grupo, kiu preparas la novan programon. Do ekzistas la ebleco, kunlabori kaj kunamuziĝi por ĉiu, kiu ŝatas aktori, kanti aŭ ludi muzik-instrumenton en gaja rondo.
Vendrede vespere en semajnoj kun malpara numero (kiam ne okazas la *Studrondo*) estas la regula tempo de la renkontiĝoj; do la venonta estas la 3a de Februaro.

# Hella Lanka 70jara

**La 11an de Februaro 1995 *Hella Lanka* fariĝos 70jara.**
**Hamburga Esperanto-Societo kore gratulas!**

# Sorobano, la Japana abako — Masako Tahira en Hamburg



**Hamburg (ehh). La 12an de Januaro en la klubejo estis ŝanĝita la programo pro gasto el fora lando: *Masako Tahira* el Japanio prezentis la sorobanon, Japana formo de abako —** kaj instruis, kiel eblas rapide adicii kaj subtrahi per ĝi. Eĉ eblas kalkuli per decimalaj ciferoj en **dividado** kaj **multiplikado**, sed unu mallonga leciono ne sufiĉas por lerni tion. Estasnekredeble, ke antaŭ jarmiloj, kiam niaj nordeŭropaj praavoj ankoraŭ estis sovaĝuloj, en orienta Azio jam ekzistis tia genia kalkulilo. Bedaŭrinde dum tiu unua klubvespero de la nova jaro nia gasto devis longe atendi, por povi prezenti sian prelegon, ĉar estis alvenintaj tiom da informoj kaj novaĵoj, kiujn oni volis sciigi al la klubanoj. Estonte niaj gastoj ne atendu tiom longe — tiam prefere atendu niaj klubanoj.

BK

# Seminarioj por kursgvidantoj

**De Januaro ĝis Majo 1995, ĉiam la lastan semajnfinon monate en la Hamburga Esperanto-Domo okazos prelegoj, kursoj kaj laborgrupoj por kursgvidantoj laŭ la regularo de Germana Esperanto-Instituto.**

Jen la datoj kaj la temoj:

28an / 29an de Januaro – argumentado, Esperanto-movado, konversacio kaj tradukado (*Dr. Werner Bormann*)

25an / 26an de Februaro – literaturo, ekzercoj, konversacio (*Harald Schicke*)

25an / 26an de Marto – metodiko, didaktiko, lernolibroj kaj kursplanado (*Dr. Vesna Staničić-Burchards*)

29an / 30an de Aprilo – gramatiko, fonetiko, stilo, eviteblaj eraroj, Germanismoj (*Benno Klehr*)

27an / 28an de Majo – ludoj en lingvo-instruado (Germanlingve de fakulino), ekzercoj

Ĉiuj semajnfinaj seminarioj okazos
Sabate de 15–18 h kaj Dimanĉe 10–12, 13–16 h.
Inkluzive tagmanĝo (Dimanĉe) la kotizo por unu seminario estas *GM* 30.– por membroj kaj junuloj, *GM* 60,– por nemembroj.
Tranoktado eblas en la klubejo (senluksa):
1 nokto *GM* 15,– / 2 noktoj *GM* 25,–

La partoprenantoj povas utiligi la Hamburgan Esperanto-Bibliotekon, komputorojn, fotokopiilon ktp.
La kantino estas je dispono por la korpa bonfarto.

Aliĝojn sendu tri semajnojn antaŭe al:

**Instituto de Esperanto Hamburg**
**Klaus-Groth-Straße 95 · 20535 Hamburg**
**aŭ aliĝu telefone: 0 40 / 2 50 30 65**
**aŭ fakse: 0 40 / 6 56 06 59**

# 1a Nordgermana Esperanto-Konferenco en Rostock 17. - 19. 3. 95



Loko: **Heinrich-Mann-Klub**
**Hermannstraße 19**
**18055 Rostock**
(200 m de ĉefa stacio)

Aliĝon por la komuna konferenco de la landaj ligoj de MV, SH kaj HH sendu al: Esperanto-Grupo Rostock, Hermannstraße 19, 18055 Rostock

**Grupvojaĝo el Hamburg vd. sube!**

Programo

| | | |
|---|---|---|
| Vendredo: | 20.00 | **Interkona Vespero** |
| Sabato: | 9.00 | **Malferme** |
| | 9.20 | **Prelegoj** |
| | 11.00 | **Diskutoj pri prelegoj** |
| | 12.00 | **Tagmanĝo** |
| | 13.30 | **Apartaj kunsidoj de la Landaj Ligoj** |
| | 16.00 | **Kaftrinkado** |
| | 16.30 | **Daŭrigo de la konferenco** |
| | 18.00 | **Vespermanĝo** |
| | 19.30 | **Kulturo, amuzigo** |
| Dimanĉo: | 9.00 | **Daŭrigo de la konferenco aŭ urbo-rigardado** |
| | 12.00 | **Tagmanĝo** |
| | 14.00 | **Turisma programo** |
| | 17.00 | **Adiaŭo** |

**Grupvojaĝo**

| | | |
|---|---|---|
| Vendredo: | 14.19 | **Forveturo de Hamburg** (direkta trajno) |
| | 16.51 | **Alveno en Rostock** |
| Dimanĉo: | 17.58 | **Forveturo el Rostock** (direkta trajno) |
| | 20.39 | **Alveno en Hamburg** |

**Prezoj: *DM* 35,60 (trajno) plus *DM* 18,– (tranoktoj)**
**Bonvolu anonciĝi ĉe Hannelore Brunow antaŭ 10.2.**